# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 60**
**Bulteno de KAEM**
**Julio 2008**

-----------------------------------------------------------------------------------------

## Ni verdigu Azion!

LEE Jung-kee (prezidanto. de KAEM)



Por vigligi kaj progresigi nian movadon en Azio, ni, ĉiuj aziaj esperantistoj devas cerbumi kaj engaĝigi en la kampanjon. Nun estas epoko de interreto, per kiu ni povas interŝanĝi variajn opiniojn tute libere kaj senĝene. Al ni esperantistoj, ne estas lingva muro dank' al Esperanto. Mi estas ĉiam preta aŭskulti viajn opiniojn kaj proponojn por azia movado.

Kiel respondeculo de KAEM, jen mi volas prezenti miajn konkretajn projektojn, kiujn mi intencas puŝi dum mia prezidanteco.

**Unue,** KAEM daŭre semos Esperanton en ne-viglaj kaj malfortaj landoj en Azio. Azio estas giganta kontinento, en kiu loĝas 60 procentoj da loĝantoj de la terglobo. En Azio ankoraŭ troviĝas landoj, en kiuj Esperanto-movado ne viglas aŭ eĉ ne ekzistas. KAEM havos atenton kaj enfokusigos sian forton al jenaj landoj: Bangladeŝo, Indonezio, Filipinoj, Kamboĝo, Malajzio,

Mongolio, Srilanko, Tajlando, Uzbekio, Birmo, Butano, Laoso kaj Norda Koreio.

**Due,** KAEM vigligos fakajn movadojn. En Esperantujo troviĝas multe da eminentaj kaj kapablaj personoj en diversaj kampoj, jen artaj, jen profesiaj fakoj. KAEM planas organizi diversajn fakajn rondojn el aziaj esperantistoj. Se la organizado iros glate, nature la fakaj rondanoj havos siajn kunsidojn en Azia Kongreso. Plie, tra faka movado, aziaj esperantistoj pli interamikiĝos kaj povos utiligi Esperanton en sia propra kampo. Ni movadu, ĝuante kaj utiligante nian karan lingvon.

**Trie,** KAEM subtenos junularan movadon en Azio. En Azio ja ekzistas junulara movado, sed mankas kunlaboro inter junularaj organizoj krom Komuna Seminario inter ĉina, japana kaj korea junularoj. Por tutazia junulara movado KAEM helpos fondi novan junularan organizon nome 'Azia Esperantista Junulara Organizo (AEJO)'. Post dujara aranĝado fare de aziaj junuloj, AEJO povos naskiĝi en la 6-a Azia Kongreso de Esperanto en Ulanbatoro, Mongolio en 2010.

Ankoraŭfoje mi petas de vi, ke vi senhezite sendu viajn brilajn opiniojn al mi aŭ al KAEM.

Jen mi prezentas kelkajn vojojn por via facila aliro al azia movado.

*http://groups.yahoo.com/group/azio//groups.google.com/group/azio

* www.esperanto.co.kr (Azia movado)

* esperanto@saluton.net (LEE Jung-kee)

……………………………………………………………………...

**Anonco:** Por pliviglígi la movadon, ekde ĉijare "Esperanto en Azio" eldoniĝas kvar-foje: en januaro, aprilo, julio, oktobro, anstataŭ 3-foje. Ni atendas diversajn informojn en via urbo kaj regiono, kaj viajn opiniojn.

# Kondolencon al la viktimoj en la granda tertremo en Ĉinio

Estraro de KAEM sincere sendas sian kondolencon al la viktimoj kaj suferantoj en la granda tertremo en Ĉinio. LEE Jung-kee

Jen raporto de s-ro Wu Guojiang, la 15an de majo 2008

Wenchuan, gubernio kun 4084 kvardrataj kilometroj kaj 111788 loĝantoj, situas en la provinco Sichuan, kies nomo originis de la rivero Wen (Ven). Tieaj ĉefaj naciecoj estas Han, Qiang, Tibeto kaj Hui. Ĝi estas hejmloko de Pando.

Je 14:28 de la 12-a de majo okazis tertremo kun m.7.8. Ĝis 14:00 de la 14-a de majo mortis 14866 homoj, el kiuj 14463 venis el Sichuan.

Tiutage mi estis en Shenyang, kaj siatempe en aŭtomobilo al sidejo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, norda Ĉinio. Je ĉirkaŭ 15:00 mi informiĝis, ke okazis tiu katastrofo. Kiel ĉino kaj esperantisto mi ĉiam zorgas pri tieaj popolanoj kaj miaj samideanoj. Mi tuj rete kontaktis tieajn esperantistojn, kiam mi revenis hejmen, sed nenio rezultis.

Mi estas tre kortuŝita pro tio, ke esperantistoj el 13 landoj (ĝis nun) rapide reagis al raporto de Wang Tianyi kaj esprimis konsolon al viktimoj. Ankaŭ s-ro Renato Corsetti kaj s-ro Probal Dasgupta pripensis fondaĵon de UEA por helpi esperantistajn viktimojn. Mi jam publikigis nomojn de tiuj esperantistoj kaj tiun fondaĵon en ĉina retejo de Esperanto, kie kolektiĝas oftege amaso da ĉinaj esperantistoj. Kiel ĉina esperantisto mi kore dankas vin. Mi kore salutas al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj, kiuj zorgas pri la katastrofo. (Vic-prezidanto de LEA)

* La 10an de junio, la nombro de suferantoj estas 46 milionoj, kaj tiu de mortintoj estas 69146 kaj tiu de malaperintoj 17516.

# Librosakoj post Tertremo

Guozhu (2008-05-21)

Vicoj da librosakoj sur ruino!
pensigas al ni pri freŝvigla vivo.
Geknaboj en flor-aĝo de naivo
kial subite falas al vivfino?

Parco nejuste laŭ fatal-destino
falĉas per masakro en efektivo.
Pro la tragedio -- forta motivo --
larmoj vualas al nia retino.

Kvankam doloras la sceno obskura,
tamen ni batalas kun persistemo.
Spite al la katastrofo natura,

Ĉinio luktas kontraŭ la tertremo.
Por pli bela perspektivo futura,
Esperantistoj ĉantas per poemo.

**Forpaso de s-ano Le Nhiem (Vjetnamio)**

Nia samideano Le Nhiem ne plu en tiu ĉi mondo. Li forlasis nin posttagmeze la 18an de majo 2008 en sia hejmo pro kancero.

Li estis emerita inĝeniero, eksdirektoro de Sajgona Haveno. Dum multaj jaroj, li estis prezidanto de Esperanto-Asocio de Ho Chi Minh urbo kaj nuna membro de la Centra Komitato de VEA.

Liaj lastaj poresperantaj agadoj estis lia partopreno en la UK en Jokohamo kiel estro de la vjetnamaj partoprenantoj kaj lia kontribuo al la kompilado de la Esperanta-vjetnama vortaro. Malgraŭ lia malsano, li plenumis la trionon de la laboro al li komisiita.

Al lia vidvino, al f-ino Le Thi Hai Minh, vicprezidanto de suda sekcio de VEJO, al liaj familianoj, al la esperantistoj de Ho Chi Minh urbo, mi sendas miajn plej sincerajn kaj elkorajn kondolencojn.

Nguyen Xuan Thu    Ĝenerala sekretario de VEA
<autuno32@gmail.com>

# La 5a Esperanto-Kongreso de Nordoriento de Ĉinio




La 5a Esperanto-Kongreso de Nordoriento de Ĉinio sukcesis en urbo Harbin, Provinco Helongjiang, ekde la 16a ĝis la 18a de majo 2008. Ĉirkaŭ 140 homoj partoprenis la kongreson. El tiuj estis 31 fremdaj esperantistoj: 26 el Rusio, 4 el Koreio kaj 1 el Kanado.

En inaŭguro fama esperantisto, prezidanto de Internamongolio-Esperanto-Asocio, s-ro Li Sen, faris graven paroladon en la nomo de tri provincaj kaj unu aŭtonoma regionaj Esperanto-Asocioj. S-ro Lee Jung-kee, prezidanto de KAEM, prezentis la nunan kaj estontan situaciojn pri Azia Esperanto-Movado.

Posttagmeze s-ro Zhan Gjiping, prezidanto de Jilin Esperanto-Asocio, montris al la kongresanoj ĉinajn luktartojn, s-ro Wang Tianyi, prezidanto de Xi-an-a Esperanto-Asocio, faris prelegon pri Zamenhof; fama esperantisto Li Shijun instruis Esperanton al komencantoj; s-ro Martin el Kanado prezidis parolan lingvan kurson, s-ro Liu Zhengkun, prezidanto de Liaoning-a Esperanto-Asocio, organizis diskuton pri la Esperanto-Movado de nordorientaj tri provincoj kaj Interna Mongolio.

Samtempe okazis ankaŭ jarkunveno de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (ĈFEA), aŭkcio, aliloke la unua ekspozicio de ĉinaj papertranĉaj artaĵoj, kiun organizis juna papertranĉa artisto, kiu planas propagandi Esperanton per tiu arto.



La plej speciala programo estis pri stafetado. Redakcio de la Esperanto-revuo "Tra La Mondo" organizis la stafetadon de rulaĵo omaĝe al la jubileo de UEA. Ĝis nun ĝi jam vojaĝis tra dekoj da urboj en Ĉinio kaj sur ĝi estis subskribitaj de diverslokaj Esperanto-organizoj kaj samideanoj. En urbo Harbin dum la 5a Kongreso subskribis sur ĝi jam pli ol 100 personoj. Poste ĝi plu transiru al suda Ĉinio. Okaze de la 93a Universala Kongreso de Esperanto, la rulaĵo estos donacata al la centra oficejo de UEA.

Wei Shan <hui_shan8@yahoo.com.cn>

**Vizito al la tombo de Verda Majo**

LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>

Profitante la kongreson, la 19-an de majo kun 10 samideanoj mi vizitis la tombon de Verda Majo, kiu sidas en la urbo Jiamusi. Ni oferis florojn por konsoli la animojn de Verda Majo kaj ŝia edzo Liu Ren. Sed domaĝe, sur la tombŝtono ne troviĝis ia signo en Esperanto. Mi esperas, ke ĉinaj esperantistoj eklanĉos kampanjon por starigi Esperanto-version ĉe la tombo.

Por helpi vian komprenon, jen mi prezentas historieton pri Verda Majo .

http://eo.wikipedia.org/wiki/Verda_Majo

**HASEGAWA Teru**, (naskiĝis la 7-an de marto 1912 – mortis la 10-an de januaro 1947), konata en Esperantujo per sia plumnomo Verda Majo, naskiĝis en Japanio, en gubernio Jamanaŝi.

En junio de 1932 ŝi eklernis Esperanton. En la printempo de 1936, dank' al Esperanto ŝi konatiĝis kun Liu Ren, ĉina studento en Tokio, kaj edziniĝis al li en la aŭtuno de la sama jaro. Ŝi venis al Ŝanghajo en Ĉinio en la 19-a de aprilo 1937.

Nelonge post sia alveno al Ŝanghajo, Verda Majo faris kontakton kun Ĉina Proleta Esperantista Unio (ĈPEU). Ŝi partoprenis en ĉiuj aktivadoj de la Ŝanghaja Esperantista Ligo kaj kontribuis artikolojn al "Ĉinio Hurlas", informa bulteno de ĈPEU, por eksterlandanoj, publikigita dum iu tempo ĉiun tagdekon. Komence de decembro en 1937, Verda Majo kaj Liu Ren atingis Kantonon kaj laboris en la Esperanta sekcio de Kantona Internacia Asocio. En julio 1938, ili venis al Wuhan kaj eklaboris en la Fako por Internacia Propagando de Kuomintang.

Vintre de 1938, ili evakuis al Ĉongqing kaj tie kontribuis artikolojn al la duonmonata Esperanta periodaĵo "Heroldo de Ĉinio". Ŝiaj artikoloj aperis unu post la alia sur la paĝoj de la revuo ĝis la lasta numero de 1945. Somere de 1940 ili eklaboris en la Komisiono de Kultura Laboro kaj poste partoprenis en la redakta laboro de la gazeto "Kontraŭatako", eldonita de la Nordorienta Nacisava Asocio. En 1945, ili veturis al Harbin kaj funkciis en la Administracia Komitato de la Nordorienta Liberigita Regiono kiel komitatanoj respondecaj pri redaktado kaj kontrolado. Poste ili translokiĝis al Jiamusi en nordoriento de Ĉinio.

**Ĉinio**

## Lingva Festivalo Internacia

Okazis la Unua Lingva Festivalo Internacia en Nanjing-Universitato, la plej fama kaj konata, de la 17-a ĝis la 18-a de majo 2008. Jiangsu-a Esperanto-Asocio estis unu el aŭspiciantoj kaj organizantoj. La ĉefa programo estis, ke pli ol 70 alilandaj lingvoj kaj dialektoj estis instruataj en pli ol 250 kursoj senpage por studentoj kaj ĉeestantoj. Pli ol 13000 ĉeestis en lingvaj kursoj (pli ol 6000 sabate kaj 7000 dimanĉe).

Esperanto estis la dua lingvo de la festivalo. Laŭstatistike la plej ofte vizitataj kursoj estis la anglaj kun ĉirkaŭ 2000 kursanoj, Esperantaj kun proksimume 1500, la korea kun 1249, la franca kun 1153, la japana kun 1043, la araba kun 638 kaj la hispana kun 530 ktp. Preskaŭ ĉiuj lingvoj kaj dialektoj allogis interesojn de ĉeestantoj. El Usono, Francio, Hispanio kaj Ĉinio precipe el lokaj asocioj Nanjing, Zhenjiang, Changzhou kaj Suzhou sub la provinco Jiangsu, esperantistoj instruis nian lingvon en kursoj.



Estas sukcese kaj signifoplene por Esperantujo ke entute 386 ĉeestantoj aliĝis al postaj Esperantaj kursoj en la venonta semajno. Plejparte tiuj novaj kursanoj estas junaj kaj tre altnivele edukitaj. Tiuj jam interesiĝis/as/os pri idealo de Esperanto kaj faros grandan kontribuon al nia movado. Ĉiuflanke, la unua Lingva Festivalo Internacia akiris grandan kaj neatenditan sukceson. Ĝi antaŭenpuŝis niajn lingvon kaj movadon.

S-ro Zhang Changsheng <zhchsh56@126.com>
(ĝenerala sekretario de Jiangsu-a Eesperanto-Asocio)

## Dungo de esperantistoj

**(Frukto de la Lingva Festivalo)**

Dennis Keefe <denniskeefe@nju.edu.cn>
Direktoro de Kromprogramoj (Director of Extension Programs)
Universitato de Nanjing, Chinio

Post la neatendita granda Esperanta sukceso de la Lingva Festivalo ĉe Universitato de Nanjing, estas nova intereso en ĉi tiu urbo pri lernado de Esperanto. Nun evidentiĝas, ke la ununura maniero rapide antaŭenigi Esperanton en Nanjing estas havi aliajn esperantistojn, kiuj povas instrui multloke en la urbo.

Pro tio, la vic-estrino de la Fako pri Fremdaj Lingvoj ĉe Universitato de Nanjing, Cui Jianhua, kaj mi volas dungi Esperantistojn, kiuj kapablas instrui Esperanton kaj unu el la ĉefaj lingvoj de la Fako.

Speciale koncernas la anglan lingvon, por kiu mi baldaŭ devas dungi kelkajn por nova programo, kiu celas prepari ĉinajn studentojn por lerni poste ĉe anglaj, usonaj, kaj aŭstraliaj universitatoj. Ankaŭ venontece estos ebloj por la araba, hispana, franca, germana, japana, korea, rusa, kaj eble itala lingvoj. Eble ne nun, sed certe venontece. Se iu interesiĝas pri tiaj ebloj, bonvolu kontakti:

<http://es.mc270.mail.yahoo.com/mc/compose?to=denniskeefe@nju.edu.cn>

**Ĉinio**

# Novaĵoj el Chonqing

1. Franca esperantistino Annie·Grente atingis urbon Chongqing la 5-an de junio 2008. En Danzishi-elementlernejo de Chongqing dum unu monato ŝi instruas Esperanton.
2. La 2-a Esperanto-Kurso de Porinstruista Kolegio de Chongqing okazis la 2-a Esperanto-Kurso. En la kurso estas 56 studentoj. Ili semajne havas po du lecionhorojn.

**Ĉinio**

# Esperanto-instruado en Ĉinio

Li Weilun (Pekina Lingva Universitato)

Esperanto-instruado ludas gravan rolon en Esperanto-mondo. Ni povas diri, ke sen Esperanto-instruado ne estus Esperanto-movado.

Unue mi volas paroli iom pri Esperanto-instruado en altaj lernejoj. Altaj lernejoj estas gravaj bazoj por Esperanto-instruado. La 6an de decembro 1982 la Eduka Ministerio de Ĉinio anoncis, ke la altaj lernejoj povas preni Esperanton kiel unu el la duaj fremdaj lingvoj aŭ funkciigi nedevigan kurson de Esperanto. Studentoj estas junaj. Junuloj estas scivolemaj pri novaj aferoj. Ili interesiĝas pri Esperanto. Pro siaj vasta klereco kaj bona fremdlingva bazo ili povas rapide posedi nian lingvon. Post diplomiĝo ili laboras en diversaj lokoj. Tio tre utilas al propagando kaj disvastigo de Esperanto. Kaj iuj fariĝas aktivuloj en Esperanto-movado.

Laŭ ne-kompleta statistiko nuntempe en Ĉinio funkcias Esperanto-kursoj en ĉirkaŭ 30 altaj lernejoj. En 2006 Ĉina Komunika Universitato varbis 12 studentojn, kiuj lernas samtempe Esperanton kaj la anglan dum kvar jaroj. Post diplomiĝo ili laboras en Ĉina Radio Internacia aŭ en la redakcio de EPĈ. Pekina Lingva kaj Kultura Universitato, kie mi laboras, funkciigas Esperanto-kursojn de 1980 ĝis nun. Antaŭ du jaroj nia universitato komencis funkciigi interlernejan Esperanto-kurson. Studentoj de ĉirkaŭaj 15 universitatoj povas aliĝi al la kurso. La kurso daŭras 30 horojn ĉiusemestre. En ĉiu kurso lernas 100-200 personoj. Tiuj, kiuj trapasas la ekzamenon, havigas al si 2 lernopoentojn.

Nun mi volas paroli iom pri infana E-instruado. Infanoj havas mirindan talenton lerni lingvojn. En sia infaneco ili povas lerni kelkajn lingvojn samtempe. Nun en Ĉinio oni ĉefe lernas la anglan. Sed la angla estas malfacila por ĉinoj, ĉar la ĉina lingvo kaj la angla lingvo estas tute malsamaj. Tamen Esperanto estas relative facila. Ĝi povas helpi ĉinojn pli facile lerni eŭropajn lingvojn. Pro tio ni klopodas instrui Esperanton en elementaj lernejoj kaj en infanĝardenoj.

Nuntempe en 5 elementaj lernejoj kaj en 4 infanĝardenoj funkcias Esperanto-kursoj. Ekzemple en Taiyuan (Shansi-provinco) s-ro Wei Yubin, direktoro de iu elementa lernejo, faras eksperimenton de infana Esperanto-instruado. Du grupoj

lernas Esperanton en la unua kaj la dua jaroj, kaj en la tria jaro komencas lerni la anglan. Aliaj du grupoj nur lernas la anglan lingvon. Post 4 jaroj oni komparos la rezulton de kvar grupoj en lernado de la angla. Por subteni la eksperimenton mi kompilis lernolibron “Moderna Esperanto por Infanoj”.

Nun en la infanĝardeno de nia universitato mi instruas Esperanton al unu grupo kun 33 tri-jaraj infanoj. Ili lernas samtempe la anglan lingvon. Alia grupo de samaĝaj infanoj lernas nur la anglan lingvon. Post tri jaroj ni komparos, kiuj posedos pli bone la anglan lingvon. Ni esperas, ke niaj eksperimentoj sukcesos kaj pli kaj pli multaj elementaj lernejoj kaj infanĝardenoj funkciigos Esperanto-kursojn.

**Islamo**

# Islama Esperanto-Asocio por Interkultura Dialogo alvokas por membriĝo

Estis starigita la nova asocio Islama Esperanto-Asocio por Interkultura Dialogo, kies celo estas grupigi islamajn esperantistojn, kiuj kredas je la neceso dialogi kun homoj el aliaj kulturoj kaj aliaj religioj, volas disvastigi Esperanton kiel rimedon por ĉi tiu dialogo kaj volas konigi al la parolantoj de Esperanto la islaman kulturon en la monda lingvo Esperanto.

Ĉiu interesiĝanto rajtas peti la statuton ĉe la prezidanto, Saeed Ahmad, kaj oni jam povas membriĝi per pagado de kotizo de 5 eŭroj al la konto de la asocio ĉe UEA: konto ieas-x de Islama Esperanto-Asocio. Validas la kutimaj pagomanieroj al UEA (paĝo 36-a de la Jarlibro 2007). Indiku kiel pagocelon la jenan: "Kotizo 2008 IEA". Samtempe vi bonvolu sendi vian nomon kaj adreson al la sekretario de IEA: Saidnabi Saidilhomzoda <saidnabi@mail.ru>.

Saeed Ahmad, Prezidanto de IEA saeedfaranipk@yahoo.com

**Bangladeŝo**

## Ĉu naskiĝos rondo de esperantistoj en Dhaka?

Muhammad M Huq" <mmh5573@yahoo.com>

La 22an de aprilo 2008

En la pasinta vendredo 13 lernantoj partoprenis en la klaso. Mi planas uzi la saman metodon, kiun mi sekvis, kiam mi eklernis Esperanton. Unue la lernantoj sekvos 12 lecionojn de Brita Esperanto-Asocio kaj mi gvidos ilin. Due, post la kurso de 9 tagoj (20 kontaktaj horoj), ili daŭrigos lernadon per vortaro kaj libro "*Let's Learn Esperanto*" sed ne en la klaso. Ili povos konsulti unu la aliajn kaj min.

La 3an de majo 2008

Mi disdonis lernolibrojn kaj vortarojn al 15 lernantoj. La klasoj finiĝos en ĉi tiu monato. Multaj homoj montras intereson, kiam ili aŭdas pri Esperanto, sed multaj ne povas daŭrigi la lernadon pro diversaj kialoj. Mi kredas, ke kvar aŭ kvin el ili daŭrigos la lernadon. Eble el ĉiu grupo de 15-20, almenaŭ 4 daŭrigos la lernadon sincere kaj serioze. En la komenco de 2009 estos ĉirkaŭ 15, kiuj povos paroli Esperanton. Mi esperas, ke tiel naskiĝos (kvankam ne baldaŭ) rondo de esperantistoj en Dhaka. Ĉu mi kalkulas la kokidojn antaŭ ol iliaj naskiĝoj? Eble jes, eble ne. Tamen mi klopodos kaj serĉos aliajn lernantojn.

**Nepalo**

## La nepala-esperanta vortaro estas finreviziita

Hodiaŭ, post pli ol 200 horoj da laboro dum ĉirkaŭ 60 kunsidoj, mi kaj Narendra finfine atingis la plej gravan mejloŝtonon de nia laboro: **Ni finis nian reviziadon de la nepala-esperanta vortaro.**

Jen la vortaro ordigita laŭ la nepala alfabeto (nagario): versio80a-ordigita.pdf (kaj en HTML).

Jen la vortaro ordigita laŭ transskribo al la romana alfabeto (utila por eksterlandanoj, kiuj ne majstras nagarion): versio80a-ordigitaLauxRom.pdf (kaj en HTML).

Jen la vortaro 'renversita' kaj ordigita laŭ Esperanto (do, efektive kruda provo fari la direkton Esperanto-nepala): versio80a-eo_ne.pdf (kaj en HTML).

Rimarku:
- Ĉiuj dosieroj estas ĉirkaŭ 4.5 MB. Tiuj kun malbona interreta konekto povas elŝuti kompaktigitajn versiojn de http://javabog.dk/filer/nepala-vortaro/zip/
- Je multaj vortoj estas ligiloj al la esperanta kaj nepala vikipedio (la malgrandaj r-oj) kaj al la Reta Vortaro (malgranda v) kaj al la nepala vortaro http://www.nepalisabdakos.com/ (malgranda s - kunlabore kun kaj danke al http://madanpuraskar.org/ ). La ligiloj kompreneble nur utilas, se vi havas interretan konekton.

Jen iom da statistiko. La vortaro enhavas 6971 vortojn. Dum nia laboro Narendra kaj mi efektive ŝanĝis preskaŭ ĉiun duan vorton, do ni faris eble 3000 korektojn. La rezulto estas, laŭ nia propra takso, tre altnivela kaj preciza vortaro.

Ni opinias, ke el tiuj 3000 korektoj, 907 estas tiom grandaj, ke ni deziras aprobon de la tuta grupo. La vortoj estas markitaj per XXX en la originalo (versio80.odt - nur malfermebla per http://Openoffice.org).

Bedaŭrinde la reviziado de la resto de la vortara grupo (Razen, Poshraj kaj Phillips) ankoraŭ ege malfruas, kaj pro tio ni intencis ŝanĝi nian laborformon al tiu de limdatoj:

*Ĉiuj estas invitataj tralegi kaj komenti (kaj eĉ protesti!) la korektojn de mi kaj Narendra, sed nur ĝis la 1a de aŭgusto.

*Post la 1a de aŭgusto ni konsideras niajn korektojn apropitaj de ĉiuj, kaj intencas sendi la verkon al publikigo.

Jen la listo de kritikendaj XXX-vortoj versio80-problemaj.pdf

Jacob Nordfalk <jacob.nordfalk@gmail.com>:

**Irano**

# Irana amaskomunikado vaste raportis pri la Esperanta versio de la Nobla Korano

Irana Korana Novaĵagentejo "IGNA", kie estas speciala novaĵagentejo pri novaĵo rilate al La Korano, faris intervjuon kun mi pri la traduko de la Korano kaj ttt-ejo, sur kiu oni metis ĝin ktp.

Jen la teksto de la intervjuo, kiun antaŭ horoj oni jam elsendis kaj post minutoj ĉiuj amaskomunikadoj uzis la novaĵon:

http://www.iqna.ir/fa/news_detail.php?ProdID=262245

Dankon al tiuj, kiuj surretigis/as La Noblan Koranon, kiu povas esti multe utila por la progreso de la movado en islama mondo.

Reza Torabi <torabireza@gmail.com>

**Japanio**

# Tago de Esperanto kaj Internacia Jaro de Lingvoj



La 12an de junio 1906, antaŭ 102 jaroj, fondiĝis "Japana Esperantista Asocio", unua organizo de Esperanto en Japanio, kaj memore al tio decidiĝis, ke la 12a de junio estas "Tago de Esperanto". Japana Esperanto-Instituto, kiu sekvis post la asocio en 1919, okazigis publikan prelegkunsidon la 14an de junio en Tokio.

S-ro Tanaka Katsuhiko, konata lingvisto kaj honora profesoro

de Hitotsubashi-Universitato, prelegis pri sia verko japanlingva "Esperanto, *itan no gengo*" (Esperanto, la hereza lingvo), kiun eldonis lastjare Iwanami-shoten, unu el la plej prestiĝaj eldonejoj en Japanio.

Poste s-ro Kimura Goro Christoph, asist-profesoro de Sophia-Universitato, parolis sub la titolo "Celoj de Internacia Jaro de Lingvoj kaj roloj de Esperanto". Li emfazis rolojn de Esperanto en la kampoj de informado, lernado (propedeŭtika funkcio k.a.) kaj utiligado.

Plenigis la ĉambron de JEI ĉirkaŭ 70 homoj, kiuj ĝuis la instigajn prelegojn kaj ankaŭ viglan diskutadon inter la prelegantoj kaj la aŭskultantoj.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>
Japana Esperanto-Instituto http://www.jei.or.jp/hp/esp.htm

**Japanio**




En Japanio estas 8 regionaj Esperanto-Ligoj. Krom Hokuriku, ĉiuj aliaj vigle agadas kaj ĉiun jaron okazigas kongreson.

En majo kaj junio kvar ligoj havis kongreson. Jen estas raportoj el 4 regionaj kongresoj.

## La 57a Kantoo-Esperanto-Kongreso

La 24a-25an de majo okazis Kantoo-Esperanto-Kongreso en Tokio, organizita de Kantoo-Esperanto-Ligo, kiu teritorias Tokion kaj ĉirkaŭajn guberniojn. En ĝi partoprenis ĉirkaŭ 100

esperantistoj.

La unuan tagon okazis ĝenerala kunsido de la Ligo kaj bankedo.

La duan tagon, antaŭtagmeze okazis inaŭguro kaj 5 fakkunsidoj (kanto "Sonorilo de Paco", etnaj muzikiloj, porgeknaba komputilo, vizitoj al Edo-epoka muzeo kaj Modernarta muzeo).

Posttagmeze prelegis s-ino Aleksandra Watanuki (polino edziniĝinta al japano) pri "*manga*" (japanaj komiksoj) en Pollando. Ges-roj Watanuki eldonas japanajn *manga*-ojn en Pollando, sed tio estas tre malfacila, ĉar multaj poloj opinias, ke komiksoj estas amuzaĵoj nur por infanoj. En Japanio "*manga*" estas ne nur por geknaboj sed ankaŭ por plenkreskuloj kaj la temoj ofte estas seriozaj kaj havas grandan influon en la socio. S-ino Watanuki parolis pri sia strebo konigi la valoron de *manga* en la pola socio. La aŭskultantoj altetaksis ilian laboron pri kultura interŝanĝo inter ambaŭ landoj.



Post la prelego okazis ekskurso al historiaj lokoj ĉirkaŭ la kongresejo. Ni vizitis ĝardenon Kijosumi kaj ĝuis la japanecan etoson.

Kiel la kongresa memoraĵo eldoniĝis "Raportoj el Japanio 11" verkita de s-ro Hori Jasuo.

HORI Yasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso

La 10an-11an de majo okazis en urbo Kumamoto la 82a Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso kun la partopreno de 43 homoj (inkluzive de 11 moralaj partoprenantoj). La unuan tagon okazis la ĝenerala kunsido de la Ligo kaj bankedo. La duan tagon okazis inaŭguro, kaj poste raportoj pri esperantista verkisto Tokutomi Roka (1868-1927) kaj lia verko "De Japanio al Japanio" verkita en Esperanto (memoraĵo de la kongreso, kompilita de s-ro Joŝida Masanori) kaj pri brazila kongreso (raportisto estis s-ro Harada Tsukuru).

Posttagmeze s-ro Hirotaka Masaaki prelegis pri "Ĝuu Esperanto-hajkojn" (hajko: japana mallonga verso). La 83a kongreso okazos en gubernio Mijazaki en la venonta jaro 2009.

Kino Eiĵi kino@star.ocn.ne.jp

## La 57a Tookai-Esperanto-Kongreso

La 31an de majo-1an de junio okazis en urbo Inujama la 57a Tookai-Kongreso kun la partopreno de 30 kelkaj homoj.

La unuan tagon unue s-ro Jamada Kanto prelegis pri la japana lingva politiko en koloniita Koreio antaŭ la dua mondmilito. Due s-ino Nguyen Thi Tanh Nga el Vjetnamio nun studanta en japana universitato parolis pri sia lernado de la japana lingvo. Poste parolis s-ro Isobe pri sia volontula laboro en Flughaveno Ĉuubu, Akira pri la 5a Azia Kongreso okazinta en Barato kaj sia posta vojaĝo en tiu lando, s-ino Jamada Ŝimako pri vjetnamaj junulinoj invititaj al sia hejmo post la UK en Jokohamo ktp.

La duan tagon oni havis fakkunsidojn de "Ludu per Esperanto", "Kanto" kaj "Faru kajtojn".

Dum la du tagoj ĉiuj havis ŝancon paroli aŭ saluti antaŭ la kongresanoj. Tia estu nova stilo de la kongreso.

Jamada Tadaŝi <yamadapiano@mac.com>

# La 56a Kansai-Esperanto-Kongreso

La 6a-la 7a de junio okazis la 56a Kansai-Esperanto-Kongreso en urbo Ĵoojoo en gubernio Kioto kun la partopreno de 239 homoj (inkluzive de moralaj partoprenantoj). La unuan tagon posttagmeze okazis ekskurso kaj fakaj kunsidoj, kaj vespere Gaja Vespero, en kiu 6 grupoj ludis kantojn, prestidigiton, japanan tradician farson *kjoogen* ktp. La duan tagon antaŭtagmeze okazis fakaj kunsidoj kaj konkurso pri deklamado, kaj posttagmeze

1) prelego titolita "Esperanto kaj mi" fare de s-ro Igor Wasilewski (polo) pri la ĉarmo de Esperanto
2) kantoj de korusanoj de Laga Sono
3) *kjoogen* "Ŝelo" ludata de s-roj Iŭata kaj Ŝimatani.

La venontjara kongreso okazos en urbo Takacuki.

AIKAWA Setuko" <setuko@s8.dion.ne.jp>

**Singapuro**

# Kolektiĝis singapuraj esperantistoj

La 22-an de junio esperantistoj en Singapuro kolektiĝis en hotelo, en kiu loĝas polaj geedzoj el Germanio. Tri lokaj esperantistoj kaj germana esperantisto laboranta en Singapuro partoprenis en la renkontiĝo kun la geedzoj. Ili ĝoje interbabilis, interŝanĝis informojn pri Esperanto-movado kaj kune vespermanĝis. (s-ino Ang Haiyan en Singapuro)

**Srilanko**

# La unua filio de SLEA formiĝis

La unua filio de Srilanka Esperanto-Asocio (SLEA), Wattala Esperanto-Societo, formiĝis en urbo Wattala kun la konsiloj de la

prezidanto de Srilanka Esperanto-Asocio la 7an de junio 2008. Jen estas tri el la estraro:

Prezidanto: F-ino Shenori Marasinghe
Vicprezidanto: S-ro W.M.. Prasanna Nimal
Sekretario: Fino R.A.D.suranjika Madushani

La adreso estas:

Wattala Esperanto-Societo: p/a F-ino. Shenori Marasinghe
230 Q Parispiyagama, Uswetakeyawa, Srilanka

La plano de la societo por 2008

Majo: Nova Esperanto-kurso.
Julio: Estrara kunsido de SLEA en urbo Jaela
Septembro: Esperanto-ekspozicio ĉe Alta Lernejo Uswetakeyawa kaj enkonduko de nova kurso
Oktobro: Esperanto-ekspozicio ĉe St.Anthony College, Wattala
Decembro: Zamenhofa festo kun SLEA

Zeiter Perera <zeiter.espero@gmail.com>

**Mongolio**

# La dua Mongola Kongreso

La 12an de junio okazis la 2a Mongola Esperanto-Kongreso en Sojol Erdem Universitato en Ulanbatoro, Mongolio. Partoprenis ĉirkaŭ 40 homoj, el kiuj dekkelkaj estis japanoj. Antaŭtagmeze s-ino Gereltogtoh Dagva parolis pri la kongresa temo: “Ni efektivigu Esperanto-Movadon en Mongolio”, kaj poste s-ro HORI Jasuo el Japanio parolis pri Azia Esperanto-Movado, kaj laste s-ro Agou Takaŝi, ankaŭ el Japanio, parolis pri “Oomoto kaj Esperanto”. Posttagmeze okazis prelegoj: “Budhanoj aktivas en Esperantujo”, “Esperanto estas internacia lingvo” kaj “Verduloj por ekologio”. Poste okazis fakkunsidoj “Esperanto kaj homaranismo” kaj “Japana paperfaldarto”.

Vespere oni ĝuis bankedon en restoracio kun tradiciaj muziko kaj kantoj.

Post 2 jaroj, en 2010, okazos la 6a Azia Esperanto-Kongreso en Mongolio, do mongolaj esperantistoj jam ekpreparas sin por tio.

Enkhee.Ch <enchjo@yahoo.com>

## Nova Esperanto-klubo fondita en Ulanbatoro

Batzaya Tsagaan-Taiji <batzaya@rambler.ru>

Laŭ la iniciato de kelkaj komencantoj, studentoj ĵus fondis Esperanto-klubon ĉe la Instituto de la Sociaj Sciencoj en la ĉefurbo Ulanbatoro. S-roj Cerendagviin kaj Dorĝ Balduuziin de tiu instituto fariĝis respektive la estro kaj la konsilanto de tiu klubo. Dudeko da studentoj eklernis Esperanton sub la gvido de s-ro B. Dorĝ. Tiuj, kiuj emas korespondi kun klubanoj, bonvolu kontakti baldorghbalin@chinggis.com aŭ: enkh@nuds.mn

**Koreio**

# La Tago de Pioniro

### Omaĝe al karmemora
### d-ro LEE Chong-Ha (Kunpo, 1913-2007)

La 3an (sab.) de majo, Korea Esperanto-Asocio festis la 10an Tagon de Pioniro en Kyungbook Ŝtata Universitato en Taegu. En la festo 85 homoj ĉeestis inkluzive de la familianoj kaj iamaj kolegoj de la honorata pioniro, kaj 22 japanaj esperantistoj. La memorlibro “Amiko de Popolo Kunpo LEE Chong-Ha” (234 p.) estis eldonita, kompilite de JANG Jeong-Ryeol.

La pioniro d-ro LEE Chong-Ha estis profesoro pri juro, precipe pri laboroleĝo, en Youngnam-Universitato. Li lernis Esperanton en la 1930aj jaroj, kaj ĉefe aktivis por unuigi siatempe dividitajn organizaĵojn de Esperanto-movado post Korea Milito al Korea Esperanto-Asocio. Kaj en la komenco de la 1980aj jaroj subtenis revivigon de Esperanto-movado de Busan ktp.

La partoprenantoj en la festo estis regalataj de la familio de la omaĝata pioniro per tagmanĝo. La familio de la pioniro favoranta al KEA financis kune kun KEA-membroj la eldonon de la memorlibro.

KEA festas la Tagon de Pioniro unutage en ĉiu majo, ĉirkaŭ la 15a de majo, kiam estas Tago de Instruisto (de la ŝtato), kaj eldonas memorlibron de la prilumata pioniro kun ne nur liaj/ŝiaj resumita biografio, kontribuaĵoj kaj anekdotoj, sed ankaŭ rememoraĵoj pri la pioniro verkitaj de ties amikoj, posteuloj kaj familianoj. La eventon iniciatis d-ro LEE Chong-Yeong (eksprezidanto de UEA) en 1999, kiam li estis prezidanto de KEA, por ke oni memoru la kontribuon de forpasintaj pioniroj, kiuj aktivis por korea Esperanto-movado.

Min, Hyeonkyeong <xianminhk@hanmail.net>

Koreio

# Esperanto en la retpaĝo pri jodlo



Korea esperantisto s-ro Arbaro LIM faris novan retpaĝon <www.heidiland.kr> pri svisa folklora kanto 'jodlo', en kiu troviĝas Esperanto-ĉambro. Vi povas aŭskulti jodlon de la mondo senpage, se vi aliĝos. Aliĝante, vi nepre notu, ke vi estas esperantisto. Li havas revon fari jodlan KD-n en Esperanta versio en baldaŭa estonteco,.

Bonvole vizitu la retpaĝon <www.heidiland.kr> kaj kuraĝigu lin. La retadreso de Arbaro LIM estas <yodel@heidiland.kr>.

LEE Jung-kee" <esperanto@saluton.net>

# Komuna Esperanto-kurskunveno inter Japanio kaj Koreio

La 3an (sab.)-4an (dim.) de majo okazis la komuna kurskunveno de Namkang-Esperanto-Lernejo (NEL) kaj la 40a Friska Lernejo de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG) en NEL, kiu situas en fora vilaĝo Gakbuk en Cheongdo, Koreio. En la kurskunveno de ambaŭsocietoj partoprenis entute 95 esperantistoj (71 koreoj, 23 japanoj kaj 1 belgo).

Okazis 4 kursoj: 'Eelementa kurso por koreoj kaj japanoj' (gvidita de s-ro KONG Gil-yun), 'Postbaza kurso' (gvidita de s-ro LEE Jung-kee), 'Konversacio kaj kanto' (gvidita de s-ro MA Young-tae) kaj 'Ridante lernu' (gvidita de s-ro SATOO Morio kaj s-ino KIM Uson).



Estis speciala prelego sub la temo “Kia diferenco estis en la postmilita likvido inter Germanio kaj Japanio” fare de s-ro Satoo Morio (vicprezidanto de Suita-Esperanto-Societo en Japanio). Li estas unu el la tradukintoj kaj ĉefroluloj de libro “Historio por Malfermi Estontecon — Moderna Historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio” (eldonita de Ĉina Fremdlingva Eldonejo, 2007).

Li emfazis en la prelego: “Ekzistas komuna lernolibro pri moderna historio inter Francio kaj Germanio, kiu eldoniĝis iniciatite de civitanoj, kaj uzatas por altlernejanoj agnoskite de ambaŭ registaroj. Ankaŭ en Orientazio oni eldonis libron pri moderna historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio, sed ĝin oni ne uzas en lernejoj en la tri landoj. Ĉar en la japana registaro ankoraŭ restas la militisma fajrero, kiu klopodas beligi iaman japanan imperi-armeon kaŝinte ties krimon dum la dua mondmilito. La milito ankoraŭ ne likvidiĝis en Orientazio. Oni devas lerni el historio por ne ripeti tiajn maljustajn aferojn. La pacamaj esperantistoj tradukis la libron pri la komuna historio, celante kontribui al paco kaj amikeco en Orientazio”.

En Interkona Vespero en la 3-a de majo, kiun gvidis s-ro PARK Yong-sung, oni babilis, ŝercis, dancis kaj kantis belajn kantojn Esperantajn kaj esperantigitajn el la japanaj kaj koreaj kun akompano de kanteja muzikilo. Kaj oni sate ĝuis bongustajn krudfiŝaĵojn, per kiu d-ro PARK Wha-Chong, prezidanto de NEL, riĉe regalis la partoprenantojn.

KIM Uson<kimuson@unitel.co.kr>;

## Historio

**S-ino Heidi Goes, la aŭtoro de la suba artikolo, estas belga lingvistino, kiu dum la lerneja jaro 1994-1995 partoprenis kulturan interŝanĝprogramon kaj loĝis ĉe sunda kaj javaj familioj en Ĝakarto kaj Jogjakarto, ambaŭ en Javo. La fondaĵo *Esperantic Studies Foundation* subvencias la esplorojn.**

# Esperanto en Indonezio (1)

De la komenco ĝis 1925

Heidi Goes

**Enkonduko**

Jam sufiĉe frue, en la komenco de la 20a jarcento, estis esperantistoj sur la teritorio de la nuna Indonezio. La pioniroj en la tiama Nederlanda Hindio*1 estis eksterlandanoj, precipe nederlandanoj, sed ne nur, kiuj venis tien kiel diversspecaj oficistoj, oficiroj, instruistoj kaj maristoj. Tamen ne tre longe post tio, ankaŭ pli kaj pli da indiĝenoj komencis lerni Esperanton kaj krei klubojn. En 1922 stariĝis la unua landa unuiĝo, kiu jam rapide disfalis.

En ĉi tiu unua artikolo ni vidos, kiuj estis tiuj unuaj esperantistoj, kiuj kaj kiaj estis la unuaj kluboj, revuoj, (lerno)libroj, la unua unuiĝo ktp. En sekvaj artikoloj*2 ni esploros kiel la movado pli kaj pli kreskis ĝis la dua mondmilito haltigis ĝin, kaj kiel ĝi post la sendependiĝo denove ekfloris sub gvido de la indonezianino Rankajo Chailan Sjamsoe Datoe Toemenggoeng, kiu organizis en 1960 la unuan Konferencon de Esperanto en Indonezio.

**1. La unuaj esperantistoj en Nederlanda Hindio**

Laŭ pluraj fontoj*3 la unuaj esperantistoj en Nederlanda Hindio estis L. Keidel en Kandang-Jati*4, Probolinggo en 1902 kaj G. van der Noordaa en Surabaja en 1903, ambaŭ en Orienta Javo. Ne multe estas pri ili konate, krom ke ili ambaŭ estis adeptoj de la SPPE (*Société pour la propagation de l'Espéranto* aŭ Societo por propagando de Esperanto) kaj tiel aperis en *L'Espérantiste*. L. Keidel estis mekanisto ĉe la sukerfabriko de Kandang-Jati kaj ekde 1907 laboris kiel agento ĉe Sangerhäuser Actien-Maschinenfabrik und Eisengießerei (maŝinfabriko kaj ferverŝejo). La Jubilea Jarlibro 1937 de UEA mencias en la sama insulo ankaŭ A.C.A. Boers, kiu aperas ekde 1905. En Sumatro la unua pioniro estis Th. R. Kühr en Bajung Lintjir en 1906.

En la *Tutmonda Jarlibro Esperantista, enhavanta la adresaron de Dro Zamenhof por 1906* aperas krom la jam menciitaj pioniroj ankaŭ W. (Van) Lakerveld kaj W. Marinissen. Boers kaj van der Noordaa ne plu aperas en la *Tutmonda Jarlibro Esperantista, enhavanta la adresaron de Dro Zamenhof por 1907*, sed aldoniĝas Gerritsen Plaggert en Batavia (nun Ĝakarto, Javo), s-ino J.S.R. Baerveldt-Haver kaj f-ino F. van Loon en Padang (Okcidenta Sumatro), kaj J. Magnée en Medan (Norda Sumatro). Ĉiuj estis membroj de la Holanda Societo Esperantista *La Estonto estas Nia* (nederlanda asocio).

La unua Delegito de UEA en Nederlanda Hindio, Rupert Falkland Vaughan, estis brito, kiu aŭtodidakte esperantistĝis en tiama Brita Hindio en la jaro 1905 (vidu kadrotekston pri li). De 1909 ĝis 1916 li aperas kiel Delegito en Totok, Celebeso. Ĝis 1912 li estis la sola Delegito en la lando. En 1913 aldoniĝis Albert Knegt, unue poŝtoficisto en Surabaja, kaj poste oficisto de kafoplantejo en Banjoewangi, Javo. Li partoprenis la Universalajn Kongresojn de 1911 kaj 1920 kaj seninterrompe[*5] restis Delegito ĝis 1925 (vidu pri li ankaŭ en 2.).

<u>Rupert Falkland Vaughan</u> naskiĝis en 1878 en Singapuro, Malajaj Kolonioj. Li fondis unu el la unuaj Esperanto-grupoj en Hindio en Kolar, en 1906, kaj tie kreis kaj redaktis la gazeton *La Pioniro* ĝis sia foriro el Hindio en 1907. Li deĵoris dek kaj duonan jarojn en Celebeso kiel kemia provisto. Li poste laboris en Japanio kaj en Borneo, kie li emeritiĝis kaj restis ĝis sia morto la 7an de novembro 1958. Liaj artikoloj kaj rakontoj pri orientaj landoj aperis en *Heroldo de Esperanto* kaj en la de li mem eldonita revuo *Verdavalo*. En 1956 li verkis manuskripton titolitan 'Veterano memoras' pri sia 50jara esperanta vivo, kiu ŝajne neniam estis publikigita.

En ĉi tiu periodo la esperantistoj estis malmultaj kaj tre dissemitaj. Laŭ R.F. Vaughan, en letero al la posta revuo *Hinda Esperantisto* (vidu 2.), oni pensis pri Unuiĝo kaj pri malajaj

geesperantistoj en Hindujo 'ŝlosilo' kaj simile, sed pro la malmulteco de la esperantistoj tiutempe tia agado estis neebla. La aserto en *The British Esperantist* en aŭgusto 1912 ke oni konstante aŭdas pri la lingvo studata de ambaŭ eŭropanoj kaj indiĝenoj do ŝajnas al ni iom tro pozitiva.

**2. La unuaj indoneziaj esperantistoj–vigliĝo kaj unuaj unuiĝoj**

Verŝajne la unuaj esperantistoj en Indonezio, kiuj ankaŭ naskiĝis tie, estis la ĉindevenaj Liem Tjong Hie en Semarang, kiu esperantistiĝis en 1919 kaj restis aktiva dum sepdek jaroj (vidu kadrotekston pri li) kaj Kho Yok Siang. Tiu lasta aŭtodidakte lernis Esperanton en 1920 per lernolibro akirita pere de sia frato, kiu post studado en Japanio revenis al Indonezio. En la sekvaj jaroj la interesiĝo por la lingvo kreskis, ankaŭ inter la indiĝenoj. Kelkaj inter ili ankaŭ komencis instrui Esperanton kaj verki kaj eldoni en tiu lingvo. De 1920 ĝis 1934 preskaŭ ĉiujare la nombro de Delegitoj kreskis; de du en 1920 ĝis dek naŭ en 1934. Poste ĝi denove falis.

En 1922 aperis skriba kurso en la gazeto *Nerantja*, sub gvidado de la juĝisto Petrus Willebrordus van den Broek. La plej bona (sed laŭ aliaj fontoj ankaŭ la sola) lernanto estis la javano Kamso Wirjosaksono. Post la foriro de P.W. van den Broek instruis lin J. T. Kaptein, korporala maŝinisto. En la sama jaro stariĝis la nederland-hindia unuiĝo *Nederlandsch Indische Esperantisten-vereeniging.* Ĝi havis plejparte nederlanddevenajn, sed ankaŭ kelkajn aŭtoktonajn membrojn, preskaŭ ĉiuj loĝantaj de Javo. Dum ĝia mallonga ekzisto, en la jaroj 1922 kaj 1923, Albert Knegt aperigis ĝian propagandan gazeton *Esperanto - Propagandablad der Nederlandsch Indische Esperantisten-vereeniging* en Banjoewangi, Javo.

La protestanta pastro R.W.F. Kyftenbelt komence de 1923 starigis Esperantan Virinan Klubon en Menado, Celebeso. La

membroj estis enlandanoj (minahasanoj), eŭropanoj, kaj ĉinoj[*6]. Estis tri kursoj, laŭ la aĝo de la virinoj, kun entute 80 esperantistinoj. Bedaŭrinde fine de la jaro la pastro forlasis la landon kaj reiris al Nederlando.

Pluraj eldonaĵoj aperis en 1924: Kamso Wirdjosaksono eldonis la propagandan gazeton *India Esperantisto* en malaja lingvo kun Esperanto-lecionoj; P. W. van den Broeck aperigis malajan gramatikon de Esperanto, kaj Liem Tjong Hie la unuan prozoverkon pri Javo en Esperanto (vidu kadrotekston pri li).

En majo aperis en *Heroldo de Esperanto* alvoko de J. Brotomidjojo al la ĉirkaŭ 30 esperantistoj en 'insula Hindujo': precipe al la Delegitoj de UEA, sed ankaŭ al Raden Mardio en Jogjakarta, Soetjipto en Sumenep, Rassat en Padang, kaj al aliaj, por instigi ilin agi pli vigle por la disvastigado de Esperanto. Li mem komencis en junio samjare kurson kun 10 personoj, kaj Wirdjosaksono alian kurson kun 15 personoj, ambaŭ en Jogjakarta.

Fine de la jaro la instruisto George Leopold Blot malfermis senpagan kurson en Djetis, Jogjakarta. Pli ol 30 katolikaj junuloj partoprenis kaj fine fondiĝis IKUE-rondo kun 9 membroj (IKUE = Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista). En 1925 jam estis 11 membroj, sed en 1935 restis nur unu. La espero de G.L. Blot pri *Unuiĝo Orient-India de Katolikaj Esperantistoj* ŝajnis esti tro ambicia.

Liem Tjong Hie naskiĝis la 15an de januaro 1906 en Semarang, Javo. Li studis en la tieaj nederlandaj lernejoj kaj eble tie konatiĝis kun Esperanto, ĉar jam en 1919, nur 13jara, li esperantistiĝis. En 1924 li eldonis la unuan libron en Esperanto pri Javo, *Javaj legendoj kaj fabloj*, de li (re)verkita kaj tradukita. En la sama jaro li unuan fojon iĝis Delegito de UEA, kio li regule estos ĝis 1989. En 1925 li ekredaktis la revuon *Hinda Esperantisto*, kiu aperos neregule ĝis 1934. Li ankaŭ fondis la eldonejon kaj kursejon *Ekstremorienta Esperanto-oficejo kaj -Instituto* aŭ *Centraal Esperanto-Bureau & -Instituut.*

Ekde 1925 la indoneziaj esperantistoj ankaŭ komencis verki por internaciaj revuoj. Ekzemple Soengkono Wirjowerdojo aperigis tradukitajn kompilitajn artikolojn en *Sennaciulo* pri la politiko en Nederlanda Hindio. Wirdjosaksono verkis pri la javanaj geedziĝaj kutimoj por la revuo *Esperanto.* En *Heroldo de Esperanto* aperis de la mano de Liem Tjong Hie traduko de artikolo pri la malagrablaj sentoj inter la diversaj etnoj en Javo.

En la unua numero de *Hinda Esperantisto - Organo de la tuthinda Esperantistaro*, en oktobro 1925, la redaktoro Liem Tjong Hie alvokis al reunuiĝo kaj reciproka subteno de la 'geesperantistoj en Hindujo', sen konsideri rason, religion aŭ lingvon. La gazeto pretis esti la organo de la nova unuiĝo kaj montri ĝeneralan bildon pri la tutmonda evoluo de la Esperanto-movado. Samtempe li volis pere de sia revuo propagandi la lingvon. Pro tio aperis artikoloj en la angla, nederlanda, java kaj malaja. Kvankam li klare estis skeptika pri la tiama stato de la movado 'kiu verdire ne povas esti nomata movado', li estis ege entuziasma kaj laborema. La unuaj numeroj enhavis krome artikolojn pri plej diversaj temoj, de la historio de Nederlanda Hindio al literaturo kaj la Esperanto-movado en aliaj landoj, ŝajne ĉiuj de li mem verkitaj aŭ tradukitaj. (daŭrigota)

Provlegita de Roland Rotsaert kaj Ziko van Dijk, kiujn la aŭtoro dankas.

.........................................................................................................................

*1 Antaŭ ol la nomo iĝis Indonezio, la lando ricevis de la lokaj esperantistoj plurajn nomojn. Krom Nederlanda Hindio aperas ekzemple ankaŭ Hindonesio, Hindonezio, Holanda Hindujo, Indio, Indonesio, Indonesujo, Nederlanda Hindujo, Nederlanda Orienta Hindujo, Nederlandindio, Orienta Hindujo Holanda kaj Orienthindujo. Por eviti konfuzon ni uzos ĉi tie nur la nomon Nederlanda Hindio.

*2 Je la fino de la lasta artikolo aperos resumita bibliografio de uzitaj fontoj.

*3 Ni ne povas scii pri tiuj kiuj ne konigis sin kiel esperantistoj.

*4 La antaŭa ortografio estis: Kandang-Djati. Ĉie kie nur la skribmaniero ŝanĝiĝis estos uzata la moderna ortografio. Kiam la nomo ŝanĝiĝis, estas uzata la nomo de la koncerna periodo, kun la moderna nomo inter

krampoj. Nur la konataj urbo- kaj insulonomoj estas esperantigitaj.

*5 Krom kompreneble en la ne-aperintaj jarlibroj dummilitaj: 1915, 1917 kaj 1918.

*6 Ne estas klare ĉu la aŭtoro celas ĉindevenajn indonezianojn, aŭ ĉinajn enmigrintojn.

# Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

## Ĉinio

**Julio** **2:** Celebri Eldonadon de Gvidlibro pri Olimpikaj Vortoj

**Aŭgusto** **23-27:** Esperantista somera semajno en Chongqing-urbo
Temo ESPERANTISTOJ ESTAS LIGITAJ PER LA KOROJ.
Yuan Ailin <cqesp@vip.sina.com>

**Septembro** **:** Renkontiĝo en Tajvano inter ĉefteraj kaj tajvanaj esperantistoj de Ĉinio

## Koreio

**Aŭgusto**

**6~10:** La 3-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Ŭonbulismo en Seulo

**30:** 'Memore al la 200-a kurso' de Seula Esperanto-Kulturcentro en Seulo

**Oktobro**

**17~19:** La 40-a Korea Kongreso de Esperanto en Busan

**Novembro**

**15~16:** Namkang-a Esperanto-Lernejo en Chongdo

**Decembro**

**13/ 14:** Naskiĝo-Tago de Zamenhof

LEE Jung-kee (esperanto@saluton.net).

## Japanio

**Oktobro**

**11-13:** La 95a Japana Esperanto-Kongreso: urbo Ŭakajama
<jek08@jei.or.jp>

**25-25:** Intensiva Kurso de Kantoo-E-Ligo en Yatugatake-E-Domo
HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

**Novembro**

**1-2:** Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso: urbo Jamaguĉi
<umipa68@violin.ocn.ne.jp>

**7-8:** Tohoku-Esperanto-Kongreso: Oku-Macuŝima, gubernio Mijagi
s-ino Saitoo <saitume@nifty.com>

**Decembro**

Zamenhofa Tago: diversloke

**27-29:** Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj: Junulara gastejo "Yokohama Bayside Hostel" en Jokohamo, Japanio, Temo: Ekologio en nia ĉiutaga vivo (provizora)
s-ino Amano Yayoi <amanoyayoi@hotmail.com>

**30-2 de januaro 2009:** Transjara Kurskunveno de EPA
<oficejo@epa.jp>

## Taĝikio

Saidnabi S <saidanbi@mail.ru>

Jenaj karavanoj organiziĝas laŭ la peto de partoprenontoj.

1. Dushanbe - Samarkando tra montaroj parte piede
2. Dushanbe - Khojento tra montaro
3. Dushanbe - Montara Mastĉoh tra montaro
4. Dushanbe - Badakŝan tra montpasejo

## Vjetnamio

Nguyen Xuan Thu <autuno32@gmail.com>

**Julio**

**3-18:** s-ro Przemek Grzybowski, universitata profesoro el Bydgoszcz, Pollando, instruos Esperanton ĉe Hanoja Fremdlingva Universitato. Kongreso de Esperanto-Asocio de Ho Chi Minh Urbo

**Dum UK93:** Apero de la vjetnama versio de la lernolibro “Esperanto per Rekta Metodo” de Stano Marĉek.

**Oktobro**

**25-26:** La 4-a Tutlanda Kongreso de Vjetnama Esperanto-Asocio

**Decembro**

**14:** la Zamenhofa Tago.
Apero de la vjetnama versio de la lernolibro “Zagreba Metodo”

## Pakistano

Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>

**Septembro** **21:** La tria estrara kunsido de PakEsA en Multan

**Decembro** **20-21:** La 31-a Jara Kongreso de PakEsA en Multan

**Barato** Ranga <ranganayakulu@gmail.com>

**2009 Januaro** **11-13:** InterKultura Seminario en Karnatako

**Nepalo** Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>

**Aŭgusto aŭ septembro** Nepala Esperanto-Kongreso

**2009 februaro 26- marto 12:** La 8a Internacia Himalaja Renkontiĝo

## Mondonacintoj al Fondaĵo Azio de Koreio

1. S-ro LEE Jung-kee, 2. S-ro MA Young-tae, 3. S-ino Hwang Eung-soon 4. S-ro PARK Jong-young, 5. S-ro BAE Jong-tae, 6. S-ro KONG Kil-yoon 7. S-ro CHOI Yoo-sik, 8. D-ro BAK Giwan, 9. S-ino MIN Hyun-kyung 10. S-ino KIM U-son, 11. S-ro Oh Jong-Seok, 12. S-ro KIM Jae-won, 13. S-ro LEE Hong-jin, 14. S-ro YANG Seong-ji, 15. S-ro HONG Sungcho, 16. S-ro KIM Kwang-soo, 17. S-ino Cindy Hyun Chang, 18. S-ro WON Ik-sun, 19. S-ino LEE Kyung-chon, 20. S-ino Park Young sook, 21. S-ino OH Soon-mo, 22. S-ino KO Young-hee, 23. S-ino Park Mi-sook, 24. S-ro LEE Chong-ui, 25. S-ino Min Jung-jin, 26. S-ro LIM Choong-hyon, 27. S-ino KIM Young-ok, 28. S-ino PARK Mi-ran, 29. S-ino CHO Myung-ja, 30. S-ro IM Song-tek, 31.S-ro LEE Sung-woo, 32. S-ino KIM Jeom-ok, 33.S-ino LEE Nam-heng, 34. S-ro KIM, Churl-min, 35. S-ino Choi Eun-Suk, 36. S-ino YU Young-ae, 37. S-ino LEE Young-wha, 38. S-ro PARK Yong-sung, 39. S-ino BAK Su-hyeon, 40. S-ro Park Wha-chong 41. KIM IN-so, 42. CHO Sung-ho, 43. HO Song, 44. KANG Hon-gu

**Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj**

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto) <esperanto@saluton.net >
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc38@yahoo.com.vn >
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio

4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
<ranganayakulu@gmail.com>
Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azia
5. Japanio: s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), rusa Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> Meza Aazio
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>

**Prezidanto de UEA**
S-ro Probal Daŝgupta (Barato) <probal53@yahoo.com>

**Estrarano de UEA pri landa kaj regiona agadoj**
S-ro HORI Jasuo (Japanio) <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

**Kunlaborantoj de KAEM**
Esperanto en Azio s-ro Hori Jasuo (redaktado)
s-ino TAHIRA Masako / s-ro HAZAMA Hirotomi (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ino CHOI Eun-suk

-----------------------------------------------------------------------------------

## Esperanto en Azio

Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM: p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27

# Forpasis d-ro LEE Chong-Yeong (1932–2008)



La 4an de julio 2008 forpasis LEE Chong-Yeong, unu el la plej elstaraj nuntempaj esperantistoj.

La eminenta samideano naskiĝis en 13a de februaro 1932 en Samcheonpo en Gyeongnam-provinco, Koreio. Doktoro pri Komerca Ekonomiko, Kobe Univ. Japanio. Estis prezidanto de UEA (1995-1998), prezidanto de KEA (1994-95, 1998-2001), honora prezidanto de KEA kaj honora membro de UEA (2004-).

Laboris, kiel ĉefo, en UN Nutraĵo kaj Agrikultura Organizo (UN/FA, 1970-1987). Estis dekano kaj profesoro de la Komerca-Administracia Fako de Gyungpook Ŝtata Universitato en 1987-1994, kaj ĝis nun en post-universitata kurso de la sama universitato pri Komerca Etiketo, kaj samtempe laboris, kiel ĉefkonsilanto de Korea Industria kaj Evolua Instituto. Estis vizit-profesoro de Kobe Universitato (Japanio), honora profesoro de Nankaj Universitato (Ĉinio) kaj orda profesoro de Akademio Internacia en San Marino.

Estis ordenita per "Medalo de Entuziasma Subteno de Konstruo kaj Kunlaboro por Ĉina Amikeco" (de la ĉina ŝtato) kaj ankaŭ "Medalo de Entuziasma Subteno por Vjetnama Esperanto-Movado" (de la prezidento de Vjetnamio).

Esperantistiĝis per la memlernado kiel lernejano en 1948. Instruis, prelegis, artikolis kaj verkis multajn librojn. “Esperanto en la 21a jarcento” (2001), “La 80-jara Historio de Korea Esperanto-Movado” (2003), “Ridante Lernu” (2007), “Elektitaj Zamenhofaj Provervoj” (2008) ktp. Unu el ĉefrolulo por eldoni la libron “Historio por Malfermi Estontecon — Moderna Historio de Ĉinio, Japanio kaj Koreio”. Kaj verkis multajn librojn rilatatajn al sia studo en naiciaj lingvoj, korea kaj angla.

KIM Uson / vicprezidanto de Korea Esperanto-Asocio